# Informilo de Ĝemelaj Urboj



Reta bulteno de UEA pri la projekto Ĝemelaj Urboj
14-a jaro N-ro 2 (53) junio 2015

**●La estraro konfirmas nomumon de la komisiito**
**●La foto-ekspozicio "Ĝemelaj Urboj de Lillo" en aktiva preparado**
**●La forumo konsideras min**
**●Ĉeesto de esperantistoj al la ceremonio de subskribo**
**●Letero al la urbestroj de Chambéry kaj Torino**
**●Vizito de Esperantistoj el la ĝemelurbo Torino**

## Enhavo



**Kovrilfoto: fotita de s-ino Li Yanqiu, kiu loĝas en Dandong, ĉina limurbo tuj najbare al Nord-Koreio.**

## Funkciuloj de La Projekto Ĝemelaj Urboj

S-ro Mark Fettes, prezidanto de UEA
S-ino Barbara Pietrzak, estraranino de UEA, ĉefa respondeculino pri la ĝemelurba agado en la subteamo Monda Evoluo
S-ro Stefano Keller, estrarano de UEA pri Monda Evoluo, Konsciigo: Komisiono pri Rilatoj kun Internaciaj Organizaĵoj (KRIO), Ĝemelaj Urboj
S-ro Osmo Buller, ĝenerala direktoro de UEA
S-ro Wu Guojiang, la komisiito de la projekto

## Kunlaboremuloj de la projekto

Je la kontinenta agado pri Ĝemelaj Urboj nun tri samideanoj volonte kunlaboras kun la projekto.
**Afriko**: s-ro Hassano Ntahonsigaye el Burundo ĉefe peras pri informojn, retadreso: ntahonsigayea@yahoo.fr
**Azio:** s-ro Hori Yasuo el Japanio helpas kaj raportas koncernajn agadojn, retadreso: hori-zonto@water.sannet.ne.jp
**Eŭropo:** s-ro Luigi Fraccaroli el Italio akcelas kontakton inter ĝemelaj urboj per evoluado kaj fortigado de personaj ĝemelrilatoj, retadreso: luigi.fraccaroli@esperanto.it

## Respondeculoj de Landaj Asocioj Pri Ĝemelaj Urboj

**Ameriko**
Argentino: s-ro Jorge Enrique Cabrera, retadreso: jeccenter@gmail.com
Kubo: s-ro Miguel Ángel González Alfonso, retadreso:miguelangel@esperanto.co.cu
**Azio**
Mongolio: s-ro Chimedtseren Enkhee, retadreso: enchjo@yahoo.com
Pakistano: s-ro Jawaid Eahsan, retadreso: saluton123@yahoo.com
Vjetnamio: s-ro Nguyen Xuan Thu, retadreso: autuno32@gmail.com
**Eŭropo**
Finnlando: s-ro Robert Bogenschneider
Francio: s-ino Raymonde Coquisart, retadreso: raymonde.coquisart@yahoo.fr
Nederlando: s-ro Pieter Engwirda, retadreso: pieter.engwirda@gmail.com
Svedio:s-ino Kaisa Hansen, retadreso:kaihan@bredband.net

## Redakcio de Informilo de Ĝemelaj Urboj

**Redaktoro**: s-ro Wu Guojiang
Adreso: Fushun Xinfu-Qu, Qianjin-Lu, 45-Hao, 113015 Fushun, Liaoning, Ĉinio.
Telefono kaj Fakso:+86-024-52650322;
Retadresoj: ghemelurboj@sina.cn amikeco999@21cn.com
**Provlego**: s-ro Robert Bogenschneider, retadreso: robog@gmx.de
**TTT-paĝo**: www.esperanto.fi/ghemelurboj/

NOVAĴO

## La estraro konfirmas nomumon de la komisiito

La estraro de UEA kunsidis en la 23-a, la 24-a kaj 26-a de aprilo 2015 kun paŭzo en la 25a por la Malferma Tago de la Centra Oficejo, kie aktivis la estraranoj. Partoprenis la kunsidojn Mark Fettes, Martin Schäffer, Barbara Pietrzak, Lee Jungkee kaj Stefan MacGill. Ne povis partopreni Stefano Keller (SK) kaj José Antonio Vergara (JAV). Ĉeestis parttempe la direktoro de la CO (Osmo Buller) kaj aliaj oficistoj. Partoprenis Katalin Kovats dum la traktado pri Kapabligo, kaj Nico Huurman por la temoj pri TEJO. La Estraro konfirmis la nomumon de la komisiito, s-ro Wu Guojiang el Ĉinio, delonga redaktoro de la tiutema retrevuo.

El raporto de Stefan MacGill

## La foto-ekspozicio "Ĝemelaj Urboj de Lillo" en aktiva preparado

La foto-ekspozicio "Ĝemelaj Urboj" unuafoje okazis en la 99-a UK en 2014. Nun la foto-ekspozicio "Ĝemelaj Urboj de Lillo" estas en aktiva preparado por festi la 100-an UK. Lillo havas ĝemelajn urbojn aŭ partnerajn urbojn en dek kvar landoj. Ili estas Rotterdam (Nederlando), Valladolid (Hispanio), Erfurt (Germanio) kaj Wrocław (Pollando), Köln (Germanio), Torino (Italio), Esch-sur-Alzette (Luksemburgio), Liège (Belgio), Leeds (Britio), Saint-Louis (Senegalo), Kharkiv (Ukrainio), Safed (Israelo), Nablus (Palestina Aŭtonomio), Oujda (Maroko) kaj Haifa (Israelo). S-ino Raymonde Coquisart, membro de LKK Lille kaj komisiito de la landa asocio Esperanto France pri ĝemelaj urboj, estas klopodanta por sukcesigi la ekspozicion.

Estimataj esperantistoj, Renovigi historion, Partopreni amikecon, Serĉi evoluon estas eterna temo de la projekto Ĝemelaj Urboj. La ekspozicio bezonas helpon, subtenon kaj partoprenon el vi. Ĉi tie la projekto refoje informas kaj atentigas vin pri tio. Espereble tiuj esperantistoj en ĝemelaj urboj povas aktive agi por sukcesa kaj signifa ekspozicio, ĉar per viaj agadoj oni povas kompreni la rolon de ĝemelaj urboj en la nuntempo, povas senti pacon kaj amikecon de Esperanto, povas scii valoron kaj forton de Esperanto en ĝemelaj urboj. Jen estas la pria informo pri la ekspozicio.

**Foto-kvanto** : 2
**Limdato de sendado** : la 30-a de Junio 2015.
**Kontaktulo** : s-ino Raymonde Coquisart
**Retadreso** : raymonde.coquisart@yahoo.fr
**Adreso**: ESPERANTO FRANCE 4 bis, rue de la Cerisaie 75004 PARIS

Mi esperas kaj petas vin kopii al mi viajn fotojn aŭ gratulajn mesaĝojn sendante ilin al la kontaktulo, Informilo de Ĝemelaj Urboj raportos pri ili. Ĉi tie mi kore esprimas al vi antaŭdankon kaj bondeziras al vi ĉion bonan.

La komisiito

# La forumo konsideras min

Profitante la ĉeeston de la UEA-prezidanto Mark Fettes al la malferma ceremonio de Filmo-Festivalo okazinta en la 18-a de aprilo 2015 en Hangzhou, Ĉinio, kiu estas aŭspiciita de UEA, Esperanto-redakcio de Ĉina Radio Internacia kaj pluraj ĉinaj instancoj, s-ro LEE Jungkee, estrarano de UEA pri la Azia movado, aparte aranĝis kunsidon kun la titolo "Strategia Forumo de UEA pri Orientazia Movado". Mi ne partoprenis en la forumo pro tempo-manko, sed mi, kiel aktivulo en UEA pri agado de ĝemelaj urboj, estis tiam konsiderita kiel oficiala invitito kiel Mark Fettes, LEE Jungkee, Huang Yinbao (konsiliano de UEA), Wang Ruixiang (prezidanto de KAEM), Inumaru Fumio (vicprezidanto de KAEM), Chimedtseren Enkhee (sekretario. de KAEM, prezidanto de Mongola Esperanto-Asocio), Chen Haosu (tiama prezidanto de Ĉina Esperanto-Ligo), Suzuki Keiichiro (prezidanto de Japana Esperanto-Instituto), Lee Young-koo (prezidanto de Korea Esperanto-Asocio), Wang Tianyi (prezidanto de IKEF), Gong Xiaofeng (vicprezidantino de ILEI), i.a s-ro Chimedtseren Enkhee ankaŭ estas respondeculo de LA pri ĝemelaj urboj.

La 20-an de aprilo en la Universitato de Agrikulturo kaj Forstumado de Zhejiang-provinco oficiale okazis la Forumo, kiun prezidis s-ro Mark Fettes. Estis raportoj pri la Esperanto-movado en Azio kaj en Ĉinio, Japanio kaj la Sud-Koreio prezentitaj de s-ro Lee Junkee, s-ro Nan Youli, s-ro Wang Minhao, s-ro Inumaru Fumio kaj s-ro LEE Young-koo. Du gravaj preparaj laboroj estis refoje menciitaj, t.e. la 8-a Azia Kongreso en 2016 en Xiamen, Ĉinio kaj la 102-a Universala Kongreso en 2017 en Seulo, Koreio.




En sia letero al la aziaj samideanoj antaŭ la forumo s-ro Mark Fettes emfazis, ke nia tasko estas trovi manierojn mobilizi kaj gvidi tiujn talentojn por kapti la multajn ŝancojn, kiuj nun malfermiĝas antaŭ ni. Nun kiel komisiito de la projekto Ĝemelaj Urboj mi pripensas kiel kapti kaj utiligi ŝancojn de la du kongresoj por evoluigi la projekton en la Azia movado. Ekde 2004 KAEM subtenas la projekton kaj enkondukis ĝin en la laborplanon. En Azio tri landaj asocioj havas respondeculojn pri ĝemelaj urboj. El **konsciigo** esperantistoj en la kongresaj urboj kaj iliaj ĝemelaj urboj aktive agadas por informi plimultajn neesperantistojn pri la du kongresoj kun tia koncepto: Disvastigu la kongresojn estas disvastigi Esperanton; El **kapabligo** aliaj landaj asocioj en Azio aktive serĉu, trovu, trejnu

aktivulojn kiel respondeculojn pri ĝemelaj urboj; El **komunumo** oni fortigas kaj (re) fondas interligon inter esperantistoj en ĝemelaj urboj, precipe inter la kongresaj urboj kaj iliaj ĝemelaj urboj per diversaj kanaloj kaj agadoj, ekz. ĝemeliĝo de lernejoj, kiuj enkondukas Esperanton, la foto-ekspozicio de ĝemelaj urboj kaj tiel plu. El **kunordigo** la projekto tenas intiman kunlaboron kun KAEM, landaj asocioj kaj lokaj asocioj je enkonduko kaj evoluo de la ĝemelurbaj agadoj, kontakto kun instancoj kiuj okupiĝas pri ĝemelaj urboj, konsulto pri Esperanto kaj ĝemelaj urboj kaj tiel plu.

Unuvorte kunekzistas defioj kaj ŝancoj. La projekto Ĝemelaj Urboj gajnos ŝancojn kaj evoluon en tiu ĉi kontinento sub la subteno kaj kunklopodado de la aziaj samideanoj.(Foto: Huang Yinbao)

Wu Guojiang

URBESTRO KAJ ESPERANTO

## La nova urbestro vizitis la Esperanto-Muzeon



En la 24-a de aprilo 2015 s-ro Li Feng, kiu nove transprenis la urbestron de Zaozhuang en marto, faris viziton al la Internacia Esperanto-Muzeo situanta en Zaozhuang-a Universitato kun la akompano de s-ro Hu Xiaolin, vicprezidanto de la Ĉina Esperanto-Ligo kaj ĉefestro de la Zaozhuang-a Universitato, kaj s-ro Cao Shengqiang, direktoro de la universitato.

Dum la vizitado s-ro Hu Xiaolin konigis al la urbestro kaj aliaj gastoj Esperanton kaj la Esperanto-Muzeon. La urbestro opinias, ke Esperanto estas bona lingvo kiel komunikilo inter popolanoj de la mondo kaj li proponis, ke la Zaozhuang-a Universitato daŭre funkciigu E-lecionon por amikeco de la mondo. Sur la foto, de maldekstre: HU Xiaolin, Li Feng, Cao Shengqiang.

Sun Mingxiao

## La urbestro akceptis reprezentantojn de la landa kongreso



Inter la 22-a kaj la 25-a de majo 2015 la 92-a Germana Esperanto-Kongreso okazis en Hameln. En la bela kaj historia Geedziĝodomo de la urbo la urbestro Claudio Griese akceptis ĉ. 50 personojn (unuavice aktivulojn kaj eksterlandajn gastojn) el ĉ 200 partoprenantoj, Li vere ĝojis pri la Esperanto-ideo kaj pri la multnombraj eksterlandaj kongresanoj.

Du gastoj el Herzberg am Harz – la Esperanto-urbo vekis atenton de la kongresanoj. Ili estas la eksa urbestro Gerhard Walter, kiu estis akceptita de

s-ro Claudio Griese, kaj la nuna urbestro Lutz Peters, kiu faris saluvortojn en la inaŭgura ceremonio.

Teksto el Eŭropa Bulteno Majo 2015, No 149

## Esperantlingvaj elektoafiŝoj en Barcelono




"Plej danĝeras resti hejme", "Ni estas 99% kontraŭ 1%", "La demokratia revolucio apartenas al ĉiuj"… tiuj ĉi sloganoj aperis en esperantolingvaj elektoafiŝoj de s-ino Ada Colau, unu el la ĉefaj kandidatoj por la urbestra posteno en Barcelono. La listo, per kiu ŝi kandidatas, nomiĝas "Barcelona en Comú" (mallonge BeC), esperantigebla per, proksimume, "Barcelono kolektive".

Balotafiŝoj kun la bildoj de Ada Colau kaj tiuj sloganoj estas nun videblaj en la stratoj de Barcelono. Pri la esperantigo respondecas ĉefe esperantisto veterana, aktivulo de la kampanjo de BeC. La iniciato ricevis kompletan apogon de la kampanjantoj, kiuj krome vidas la ĉeeston de Esperanto kiel kontribuon al la flegado de la kolektiva memoro de la popola Barcelono, urbo kie Esperanto dum multaj jaroj estis simbolo de popola aktivado. La traduko estas senriproĉa.

Se venkos la kandidato de BeC, estas penseble ke tiu strebo pri ampleksa multlingvismo povu roli kiel principo en la municipa agado, kaj ke Esperanto povu trovi lokon. El la elekto oni vidas ke la esperantista movado estas multe pli plurala, ankaŭ videblas fakto, ke la kandidataro prezentas sian materialon en Esperanto, igas ĝin eĉ iom pli altira por la internacia publiko.

El raporto de Toño del Barrio

## GRUNDTVIG-Projekto en la Esperanto-urbo




La Grundtvig-projekto "Kultura diverseco kaj multlingvismo de Eŭropo – kiel lerni pri ili?" estas komuna projekto de la partneroj: Centro de Interkultura Edukado (CIE, Nowy Sacz, Pollando), Germana Esperanto-Centro - Filio de GEA por Klerigado kaj Kulturo (ICH/GEC, Herzberg am Harz - la Esperanto-urbo, Germanio), Kultura Esperanto-Asocio (KEA, Budapest, Hungario) kaj "Fondaĵo" edukado.net (Den Haag, Nederlando). Laŭ la plano ĝi daŭras de aŭtuno 2013 ĝis julio 2015. Tamen ĝi plene finiĝis je la fino de majo en Herzberg am Harz, la Esperanto-urbo, kvankam kiel unu el la eŭropaj programoj kun la nomo Grundtvig ĝi nun ne plu ekzistas pro la fakto, ke de 2014

Eŭropa Unio enkondukis novan unuecan eŭropan klerigsubvenciosistemon kun la nomo "Erasmus +".

Antaŭ tio serio da aktivecoj jam okazis en tiuj landoj de aliaj partneroj: Unue en januaro 2014 en la Beskidoj (Pollando). En printempo la nederlanda partnero invitis al la belaspekta historia urbo Sneek en Frislando. En aŭtuno 2014 okazis esploro pri hungaraj tradicioj.

Je la fino de la sukcesa dujara EU-projekto okazis - kune kun ĉiuj projektpartneroj – oficiala akcepto en la urbodomo ĉe urbestro Lutz Peters. Li ankaŭ en Esperanto salutis la projekt-delegitojn kaj la ĉeestantajn alilandajn vizitantojn, kiuj taŭge informis lin pri la vasta uzeblo de nia internacia lingvo. Li gratulis al la projektpartneroj pro la sukcesa kunlaborado kaj deziris pluajn komunajn eŭropnivelajn klerigprojektojn.

El Eŭropa Bulteno Majo 2015, No 149 kaj http://www.herzberg.de

## Ĉeesto de esperantistoj al la ceremonio de subskribo




Ĉamberio (Chambéry) en Francio kaj Torino en Italio ĝemeliĝis en 1957. La 5-an de junio 2015 okazis la subskriba ceremonio por renovigi konsenton pri ĝemeliĝo en Torino. Pli ol 60 personoj el diversaj rondoj ĉeestis al la ceremonio. Esperantistoj el la du urboj estis invititaj, sed esperantistoj el Ĉamberio ne venis. Ekde la 17-a horo kiel aliaj invititoj prof. Fabrizio A. Pennacchietti kaj aliaj tri samideanoj el la Esperanto-centro de Torino partoprenis en la oficiala akcepto ĉe la solena salono de la urbdomo. Tie ili propraokule vidis, ke la urbestro de Ĉamberio Michel Dantin kaj la urbestro de Torino Piero Fassino subskribis la renovigitan konsenton (vidu foton).

Dum la ceremonio Prof.Fabrizio A. Pennacchietti sukcesis paroli kun la du urbestroj. S-ro Michel Dantin diris, ke li persone konas kaj estimas la prezidanton de la Ĉamberia Esperanto-Asocio. Rimarkinte la jakan Esperanto-insigneton de Prof. Fabrizio A. Pennacchietti s-ro Piero Fassino tuj favore menciis Esperanton. Al la afabla Ĉamberia skabenino, kiu la torinajn esperantistojn akceptis ĉe la Arta Muzeo en Ĉamberio en la 23-a de majo 2015 (pria raporto estas sube legebla), Prof. Fabrizio A. Pennacchietti transdonis kopion de letero (vidu sube) liverita al la torina urbestro. (La redaktoro faris tiun ĉi raporton surbaze de mesaĝoj el s-ro Nelly Darbois, Prof. Fabrizio A. Pennacchietti kaj la retejoj: http://www.chambery.fr kaj http://www.torinoclick.it )

## Letero al la urbestroj de Chambéry kaj Torino

Sinjoroj Urbestroj de la ĝemelaj urboj Chambéry kaj Torino,

La asocio Espéranto Vive de Chambéry kaj la asocio Esperanto-Centro Torino, kiu hodiaŭ

ankaŭ reprezentas la supremenciitan francan asocion, ĝoje partoprenas en la solenaĵo por la subskribo de la dokumento pri planita kunlaborado inter siaj respektivaj urboj.

La esperantistoj de Chambéry kaj la esperantistoj de Torino, agorde kun esperantistoj de la tuta mondo, de antaŭ longe realigas la filozofion de ĝemeliĝo inter fremdlandaj urboj, ĉar ili plifaciligas la interpersonajn rilatojn inter malsamlingvaj civitanoj disponigante al ili nenacian kaj larĝhorizontan lingvon, kiu krome ne incitas la ofendiĝemon ofte ligitan kun la nacia kaj kultura identeco de la unuopuloj. La ŝtataj naciaj lingvoj havas male la institucian taskon antaŭenpuŝi tian identecon.

Ambaŭ asocioj, nome Vive de Cheambéry kaj Esperanto Centro Torino, esprimas dankemon al siaj urbaj magistratoj pro la estimo kaj la subteno, kiujn ili ĝuis kaj esperas ĝui ankaŭ estonte flanke de ili.

Torino, vendredon la 5-an de junio 2015

| | |
|---|---|
| Nelly Darbois | Fabrizio A. Pennacchietti |
| Espéranto Vive | Esperanto-Centro Torino |
| Chambéry | Torino |

INTER ĜEMELAJ URBOJ

## Vizito de Esperantistoj el la ĝemelurbo Torino

Inter la 22-a kaj 24-a de majo 2015 deko da esperantistoj el la itala urbo Torino venis en la francan ĝemelurbon Ĉamberio. Tio ĉi estas revizito de Torino al la partopreno de 12 esperantistoj el Ĉamberio en la Zamenhof-festo okazinta en la 13-a de decembro 2014 en Torino.

En la Belarta Muzeo la gastoj vizitis la ekspozicion pri reĝoj en Torino organizitan de la urbestraro. Ili faris tra-urban viziton, inkluzive de kelkaj lokoj, kie troviĝas esperantaj objektoj, ekz. Parko kun Esperanto-arbo, aŭskultas de la urbestraro paroladon esperantigitan de francaj kaj italaj esperantistoj, kaj okazigis koncerton kune kun la lokaj esperantistoj. Ili gustumis la manĝaĵojn de la lokaj esperantistoj. Ambaŭ esperantistoj pasigis tri plezurajn tagojn.

El la retejo https://esperantovive.wordpress.com



**Parolado el la urbestraro**




**Kunmanĝado**



**Vizito al parko kun Esperanto-arbo**